AŬSTRIA
# ESPERANTO-REVUO
*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno XV, Fünfhausgasse 16, Aŭstrio. — Telefono R 33-3-64*

8a jaro MAJO 1953 n-ro 5

## K L A G E N F U R T

la urbo de nia 6a Aŭstria Esperanto-Kongreso
kaj Internacia Esperantista Renkonto 1953 .

Sur la Nova Placo de Klagenfurt staras akvon-ŝpruciganta puto en formo de drako,la tiel nomata "Lindwurm". Tiun drakon montras ankaŭ la blazono de Klagenfurt kaj la Klagenfurtanoj ŝerce estas nomataj "Lindwurmkinder" (infanoj de drako), sed ili pri tio ne ĉagreniĝas,kontraŭe, ili fieras.

Klagenfurt komence de la 12a jarcento estis fondata de duko Bernhard von Spanheim apud traveturejo (Furt)tra la rivero Glan, kien "plendfantomoj"(Klaga) logis la homojn por pereigi ilin. Do, Klagenfurt laŭvorte signifas "traveturejo de la plendfantomoj" (Furt der Klaga).

Origine la urbo konsistis nur el la Malnova Placo kaj ties ĉirkaŭaĵo. Dum 1514 terura brulego detruis preskaŭ la tutan urbon kaj la tiama landestro, imperiestro Maksimiliano Ia, donacis ĝin al la nobelaro de Karintio, kiu rekonstruigis ĝin pli granda kiel fortifikaĵon kaj faris ĝin ĉefurbo de la lando. Dum la Napoleonaj militoj Klagenfurt estis okupata de la francoj, kiuj, forirante, detruis la fortifikaĵon.

Poste Klagenfurt rapide pligrandiĝis kaj moderniĝis. Hodiaŭ ĝi havas 62.ooo loĝantojn kaj distingiĝas per rektaj stratoj, grandaj placoj, ombraj aleoj kaj verdaj parkoj, kiuj rajte faras ĝin nominda "ĉarma ĝardenurbo".

La plej menciindaj konstruaĵoj estas: la registrarejo, Landhaus (provinca parlamentejo) kun sia unika blazon -

salonego, la Koncertejo, rekonstruita post la milito, la Landa Muzeo kun la belega mozaikplanko el Virunum kaj la Großglockner-reliefo de la fama geoplasto Oberlercher. Sur la granda, rektangula Nova Placo staras krom la jam menciita "Lindwurm" la bronza monumento de imperiestrino Maria Theresia. Sur Kardinal-placo altiĝas la Obelisko kiel memorsigno pri la Packontrakto de Preßburg, kiu finis la militon kontraŭ Napoleono.

La plej ŝatata kaj plej frekventata refreŝigejo en Klagenfurt estas la naturparko de Kreuzbergl(krucmonteto)

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

Portadu la stelon! Portadu la stelon! Portadu la stelon!

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

kun sia belvedera turo, kiu prezentas belegan elrigardon super grandan parton de Karintio. Klagenfurt per la Lend-kanalo estas interligita kun la lago de Wörth(Wörthersee), la perlo inter la lagoj de Aŭstrio kun temperaturoj ĝis 26 gradoj C. La plej moderne instalita Urba Bordbanejo same kiel la mondkonataj banlokoj Pörtschach kaj Velden kaj la idilia Maria-Wörth ĉiujare allogas milojn da vizitantoj, kiuj tie trovas ĉiuspecajn amuzaĵojn kaj sporteblojn.

En la proksimeco de Klagenfurt, en Viktring, estas ankaŭ la naskiĝloko de la fama komponisto kaj kantisto Thomas K o s c h a t , kiu per siaj koncertvojaĝoj la karintiajn popolkantojn faris mondkonataj.

Fervoj- kaj aŭtobuslinioj al ĉiuj direktoj ebligas ekskusojn en la pli aŭ malpli proksiman ĉirkaŭaĵon de Klagenfurt: en la belajn kaj paradizajn valojn Rosental kaj Lavanttal, en la Zollfeld, la historian centron de la lando kun Maria Saal, la lulilo de la kristanismo de Karintio. Flankita estas Zollfeld de Ulrichsberg, la "mons carantanus" de la romanoj, kaj de Magdalenensberg.Sur la lastmenciiton kondukas aŭtomobila strato al la dum la lastaj jaroj farita elfosaĵo de la ĉefurbo de la Kelta reĝolando Norikum en alteco de 1ooo m super la marnivelo. La ĝis nun faritaj trovaĵoj estas tiel interesaj, eĉ sensaciaj, ke oni prave parolas pri ĝi kiel pri la "aŭstria Pompeji".

En Klagenfurt do ĉi-jare okazos nia Aŭstria Esperanto-Kongreso kaj la Internacia Esperantista Renkonto.

Aŭstriaj kaj eksterlandaj Esperantistoj,uzu tiun ĉi okazon kaj v e n u m u l t n o m b r e al Klagenfurt!

Vi ĝuos plurajn agrablajn tagojn, faros interesajn ekskursojn kaj interrilatos kun en - kaj eksterlandaj geesperantistoj.Vine nur havos personan ĝojon kaj amuzadon, sed vi samtempe helpos vigligi la Esperanto-movadon en niaj urbo kaj liglando. La Loka Kongreso Komitato faros la plejeblon por kontentigi vin!

La L.K.K., Klagenfurt, Sternallee 5, Karintio.

La legendo pri la Lindwurm (drako) en Klagenfurt.

Tie, kie nun situas la urbo Klagenfurt, iam estis granda marĉo,en kiu vivis terura drako.Ĝi maltrankviligis la tutan ĉirkaŭaĵon kaj rabis la bovojn de la kamparanoj. La duko de la lando promesis al tiu bravulo, kiu mortigos la monstron, altan rekompencon kaj la manon de sia filino.Herkulo volis gajni tiun premion. Li konstruis ĉe la rando de la marĉo fortikan turon kaj ligis al ĝi bovidon per ĉeno kun kontraŭhoko. La bovido kriis laŭte kaj la drako alrapidegis kaj manĝegis ĝin, glutante samtempe ankaŭ la kontraŭhokon.Herkulo nun per bastonego mortbatis la drakon kaj tiel li estiĝis bofilo de la duko. Tiu ĉi konstruigis tie kastelon, el kiu evoluis la urbo Klagenfurt. Ĝi depost tiu tempo havas la drakon kaj turon en sia blazono kaj kiel memorsigno sur la Nova Placo staras ĝis hodiaŭ ŝtona drako, la t.n. "Lindwurm".

Aŭstriaj gesamideanoj: nunjare al Klagenfurt!

La Klagenfurta Loka Kongresa Komitato de nia ĉijara Aŭstria Esperanto-Kongreso fervore kaj sukcese prilaboras sian taskon, ĝuste taksante la gravecon de la aranĝo, kiu kune kun la "Internacia Esperantista Renkonto" kaj oficiala antaŭkongreso de la Universala Kongreso de Esperanto en Zagreb, Jugoslavio, fariĝos grava manifestacio en nia plej suda, sunbrila karintia liglando.

Subtenate de la landaj kaj urbaj aŭtoritatoj, nia "VI-a" promesas fariĝi la unua, grandskala aranĝo de nia movado en tiu ĉi nia landparto kaj ĝi meritas, esti vizitata de kiel eble plej multaj aŭstriaj gesamideanoj.

La Centra Estraro de AEF ripetas tial sian inviton al t u j a a l i g o kaj n e p r a p a r t o p r e n o al nia ĉi-jara kongreso, kiu pli ol iu alia donos al la aŭstria samideanaro la eblon,kontakti kun multaj eksterlandaj ges-anoj, kiuj traveturos nian kongresurbon survoje al Zagreb.

Samideano, samideanino!Uzu la maloftan okazon, ekkoni alilandajn Esperantistojn! A n o n c u v i n baldaŭege al "nia VIa!" Sendu vian aliĝilon(vidu la marto-numeron de AER!) aŭ simplan sciigon kun viaj deziroj pri loĝado (komuna aŭ hotela) s e n p r o k r a s t o al la L.K.K. de la VIa AEKongreso en Klagenfurt 1, Postfach 2o5 aŭ al la Esperanto-Centro! (Kongreskotizo : S 15.--, familianoj S lo.--). Detalaĵojn pri la kongres-aranĝoj vi legos en la junia eldonaĵo de AER.

LA ESTRARO DE AEF.

ESPERANTO, ĈU LINGVO KUNIGANTA AŬ APARTIGANTA?
Meditaĵo pri la Esperanto-gazetara problemo en Aŭstrio.

Helpi kaj akceli internacian, t r a n s l a n d a n interkompreniĝon kaj alproksimiĝon, jen la motivoj, pro kiuj nia Majstro Zamenhof, la granda idealisto , kreis Esperanton.

Tial ni havu unuavice i n t e r - nacian Esperantogazetaron!La evoluo de la Esperanto-movado tamen ebligis, respektive necesigis,ankaŭ Esperantogazetojn landajn.Sed, ĉu por la landaj organoj ne estu aplikata la sama konsidero: interkomprenigi, alproksimigi, kunigi?

La ĵus aperinta jarlibro de UEA 1953 donas al ni la aktualajn datojn pri la landaj asocioj kaj ties organoj. Kutime ĉiu landa asocio havas sian landan gazeton-u n u gazeton;ankaŭ landaj asocioj kun kompare p l i g r a n d a membraro, kiel ekzemple la Brita Esperanto-Asocio (2.25o membroj), la brazila (1.8oo), la Germana E-Asocio (3.ooo), la Sveda E-Federacio (1.825) kpt., havas n u r u n u oficialan gazeton kaj tio ŝajne s u f i ĉ a s por la bezono de la tiea movado.

En Belgujo, lando dugenta, dulingva, ekzistas (laŭ la du landaj E-ligoj) "Belga Esperantisto" kaj " Flandra Esperantisto". Ekzistas ankaŭ en Britujo krom " British Esperantist" "Esperanto en Skotlando" por la Skota Fede-

racio Esperantista". Sed fakte oni ne trovas landon kun oficiale 85o membroj kia Aŭstrio kun nuntempe 4 g a - z e t o j (3 liglandaj krom la oficiala, "tutaŭstria"). Ĉu tio vere estas ideala stato laŭ la esenco de la Esperantomovado kaj laŭ la ideo de Zamenhof?

Neniu volu erarkompreni tiun konstaton kaj plendon! N e temas pri tio,ke la unuopaj liglandaj organizoj de AEF, havantaj ja siajn landestrojn, ne havu apartajn "I n f o r m i l o j n" kun respektivaj sciigoj!Ankaŭ la Viena Esperanto-Delegitaro de tempo al tempo eldonas tian folion. Sed ĉu tiuj lokaj informiloj laŭ amplekso, enhavo kaj aranĝo havu la karakteron de gazeto kun abonpago(kompare tamen konsiderinda)? Ĉu la tendenco, ke ĉiu Esperantisto, estante kvazaŭ unuavice liglandano, ricevu sian E-gazeton do unuavice en formo de "gazeto" de sia liglando, korespondas al la spirito universale Esperantista de Zamenhof? Ĉu tio ne kondukas al "kantonigo" de la Esperantomovado? Ne maltrafe diris malnova, agema samideano ŝerce pri tiu temo, ke do la plej bona solvo ŝajnas esti, ke "ĉiu Esperantisto eldonu sian propran Esperanto-gazeton." Ĉu la movado en Aŭstrio estas tiel forta kaj finance potenca, ke ĝi povas porti kelkajn landajn,respektive liglandajn gazetojn?

La siatempa argumento,ke AERevuo, la oficiala organo de AEF,ne aperas monate, ne plu estas trafa, ĉar AER, malgraŭ konforma plialtiĝo de la kostoj,nun aperas monate. Oni ne asertu, ke la liglandaj eldonaĵoj, sen dubo produktataj kun fervoro kaj talento, laŭ formo kaj enhavo superas nian AERevuon,kiu, konsidere al la malfortaj financaj rimedoj,estas modele redaktata. Atentu,ke la pliampleksigo kaj per tio ankaŭ la pliriĉiĝo de la enhavo kaj fine ankaŭ la plibeligo (presigo) de nia organo dependas ekskluzive de la disponigo de pli altaj sumoj por ĝia eldonado. Per aperigo de la aluditaj liglandaj bultenoj do pli-malpli al nia tutlanda organo estas forprenataj subteno,respektive kotizoj.Jen konsideroj laŭ Esperantista vidpunkto.

Sed, ekzistas krome ankaŭ konsidero alia:Ni aŭstrianoj rajte kaj prave prezentas al la mondo nian preneblan postulon pri fina,definitiva liberiĝo kaj atingo de nia rea, plena nedependeco.Ĉu tio ne havas kiel premison la senton pri u n u e c o kaj k u n a p a r t -

fino de marto 929 personoj el 26 landoj. La jugoslavia poŝto eldonos Esperanto-poŝtmarkon.

Leterpaperoj kaj kovertoj kun la surpreso de ponto kaj la teksto "E. konstruas ponton de popolo al popolo" nun estas denove riceveblaj en la Esperanto - Centro. La kliŝon ree desegnis nia ĉiam helpipreta s-anino Hermine G a u g i t s c h, al kiu pro tio estu esprimita la danko de la Estraro de AEF.

Sukcesojn en la kampanjo "Ĉiu membro varbu unu novan membron" raportas "American Esperanto Magazine". Dum tri monatoj EANA tiel gajnis 57 novajn membrojn! Jen agado aplaŭdinda kaj kopiinda!

## A Ŭ S T R I A   E S P E R A N T O - K R O N I K O

VIENO: La 1.4.53 okazis en la E-Centro la jarkunveno de la Viena E-landestraro. La kunvenintaro, reprezentantoj de 16 Vienaj grupoj, fakgrupoj, AEI, UEA, IKUE, prezidita de s-ano Emil Vokal, post aŭskulto de diversaj raportoj elektis por la nova agperiodo jenan novan estraron: Vokal, estro; Sinner, vicestro; Cech, afergvidanto; Maria Loibel, kasistino; Novaček, protokolisto; pluaj estraranoj: Hawla, Finkenzeller, Mudrak, Braun. Kiel kotizo estis fiksata la monata pago de S -.2o po ano. Oni decidis, energie varbi inter la membroj de la Viena grupARO por aliĝo kaj partopreno al la ĉijara AEKongreso en Klagenfurt (22.-24.7.). Oni klopodos, reakiri por la movado la eksiĝintajn Vienajn ges-anojn, aranĝos en aŭtuno "koordinitan E-kurson", interŝanĝos grupprogramojn kpt. Oni ekscíis, ke la naturamika fakgrupo organizos monate du ekskursojn, ke estas anoncitaj 4 E-istaj karavanoj, kiuj vizitos Vienon. S-ano stud. tekn. Schalk komunikis, ke la "Junula E-Rondo" eldonis propagandilon. Estis decidate, ke ĉiu Viena E-grupo delegu d u reprezentantojn al la kunsidoj de VED, kiuj okazos ĉiun lan merkredon de la monato en la E-Centro.

La 18an de aprilo la Viena E-istaro kunvenis por Zamenhof-memoro en Volksbildungshaus Alsergrund. Dum ĉe-

esto de nia prezidanto, ministro e.s. d-ro Frenzel s-ano Werner en eminenta parolado laúdis la verkon de nia Majstro. Poemdeklamoj de s-ro Vokal kaj filineto Helga kaj fortepianprezentaĵoj de s-anino Peschl kajesperantigitaj kantoj de Puccini,Mozart kaj Schubert,audigitaj de s-ino Morelli, belkadrumis la dignan aranĝon.

MALSUPRA AŬSTRIO: Wiener Neustadt. La socialista semajna gazeto "Gleichheit" represis la 4.4.53 artikolon "UNESKO pri la lingva problemo" disponigitan de la gazetara servo de AEF (s-ano Jeitler).Felixdorf. Loka grupo (estro s-ano Schwarz, AEF-landestro) aranĝis 19.4. ekskurson de ges-anoj al Helenental, kiu estis partoprenata ankaŭ de pluraj s-anoj el Vieno.

A t e n t u ! Grava afero!De 24.-3o.8.53 la E-grupo WIENER NEUSTADT komune kun la E-landestraro aranĝos en granda elmontra fenestro de la plej granda vendejo "Riha" situanta en tre frekventata strato de la urbo, varbe tre efikan E s p e r a n t o - e k s p o z i c i o n. Bv.tuj disponigi rimarkindan materialon aŭ al s-ano Gustav Schmid, Wr.Neustadt, Wöllersdorferstr. 25, aŭ al s-ano Johann Schwarz, Felixdorf, N.Ö. K r o m e ni intencas aranĝi la 3oan de aŭgusto, do, la lastan tagon de la projektata ekspozicio, renkonton de la E-istoj malsupra-aŭstriaj en Wr.Neustadt. Ni petas vin, notu tiun tagon, por kiu ni invitas ĉiujn ges-anojn en Aŭstrio. Precizaj detaloj sekvos. Por la AEF-Landestraro: J.Schwarz,G.Schmid.

STIRIO: Graz. La 2o.3.afergv. de AEF, s-ano afergv. Cech vizitis la vendredan kunvenon de E-Societo "Unueco" en "Steiermärkische Weinstube". Nome de la laborĉeve forestinta estro s-anino Heilinger salutis la Vienan gaston kaj la lokajn ges-anojn, inter ili prof. Hainschegg kaj d-ron Friedl. S-ano Cech raportis pri la agadode la E-Centro, invitis la Graz'ajn kaj stiriajn ges-anojn al multnombra partopreno de "nia VIa" en Klagenfurt kaj atentigis ilin pri la ĵus aperinta fabellibreto "Fingrulino", tradukita de prof.d-ro Sirk. Ottendorf.Fakistruistino Konrad informis,ke ŝi en sia lernejo gvidis kurson por 3olernantinoj, kiuj nun s e r ĉ a s g e k o r e s p o n a n t o j n en ĉiuj landoj. AEF gratulas al ŝi pro ŝia sukceso kaj dankas. Knittelfeld.E.S."Verda Stelo" kunvenas lunde,

2o h,en gastejo Aigner.Gvidas studrondon kun 5 fervojistoj s-ano Maschek.

TIROLO: Kufstein.La E-Klubo "Pioniro" en sia ĉi -jara ĝeneral-kunveno ree aliĝis al AEF. Estras la klubon s-ano AEF-landestro Hans Steiner, vicestro estis elektata s-ano Hermann Visneider, nia gaja, vigla amiko, bonkonata al la ges-anoj,kiuj partoprenis la AEKongres-ojn en Kufstein, Linz kaj Innsbruck. Ni kore salutas la anojn de la realiĝinta klubo en la vicoj de niaj harmoniaj kunlaborantoj! LA ESTRARO DE AEF!

Wörgl.En la urbo de nia unua aústria Zamenhof-monumento AEF-landestro Hans Steiner preparas nun la TE.J.O. (Junularan) Kongreson, kiu tie okazos komence de aúgusto. Junaj aústriaj ges-anoj estas invitataj, partopreni la interesan kongreson! Informojn bv. peti de la preparanto, Wörgl, Aug.42, ne forgesante aldoni la respondafrankon .

KATOLIKA ESPERANTISTA VIVO

A K L E - VIENO. Proksimaj aranĝoj: 26.5.,17-19.15:Pentekosta Soleno;9.6. 17-19 h: J a r kunveno. Okazejo:1,Graben 13/25.Okazis:Palmdimanĉe posttagm.Diservo: Paskosoleno (14.4.); s-ano Bischof, parolado pri "Pilgrimejoj en Aústrio"; Diverso en Schloßkapelle Hirschstetten, 14.5.; Pri sukcesoj en la gazetaro estas raportote en AER 6/53.

Aústria Socialista Ligo Esperantista (ASLE)

estis fondata la 8an de aprilo 1953 en bonege vizitata kunveno. Post raporto de k-do Berdan pri la neceso de propra organizo de la socialistaj E-istoj la fondkunveno sub estrado de k-do d-ro grimme unuanime akceptis la proponitan statuton de ASLE, kies plej gravaj paragrafoj germanlingve estas indikataj sub aparta rubriko. La membroj de la estraro kun aplaúdo estis unuanime elektataj kaj ĝin konsistigas jenaj gek-doj:

Prezidanto: eksministro d-ro H. Frenzel; afergvidanta estro: d-ro L. Grimme; sekretario: A. Berdan; vicsekretario: P. Haberl; kasistino: Maria Loibel; vickasisto: Fr. Mosek; asesoroj: F.Scheibenreiter, Maria Ohrenberger kaj Anna Patak; revizoroj:Maria Zajicek kaj H.Braun.

Kun entuŝiasmo la fondkunvenanoj akceptis la propo-

non, elekti la urbestron de Vieno,k-don Franz Jonas, Honora Prezidanto de ASLE pro liaj siatempaj meritoj kiel plej aktiva gvida funkciulo de la laborista E-movado en iama A.L.L.E. Per tio la tradicio de ALIE kun la nove fondita ASLE kvazaŭ estas interligita.

Sed la k-doj Berdan kaj d-ro Grimme en siaj paroloj precipe substrekis la gravan konstaton, ke ASLE neniel estas organizo kontraŭ AEF, sed ĝi nur havas specialain taskoin en la Socialista Partio kaj en la sindikatoj . ASLE restas en la kadro de AEF kaj kunlaboras ankaŭ en la ĝenerala E-movado laŭpove.

La ASLE-anoj pagas sian kotizon krom la AEF-kotizo. Pro la ricevita subvencio de la Sindikata Ligo la ASLE-kotizo povas esti malalta kaj la fondkunvenanaro decidis, ke ASLE-membro pagas j a r e nur S 4.--, familiano S 2.--, subtenantaj membroj minimume S 5.-- kaj unufoje aliĝ-kotizon de S 1.--.

Per la kanto "Fratoj al sun', libereco .." la fondkunveno fermiĝis kaj A S L E n u n a l v o k a s ĉ i u j n s o c i a l i s t a j n E s p e r a n t i s t o j n e l ĉ i u j l i g l a n d o j , a l i ĝ i kaj p l i f o r t i g i n i a j n v i c o j n .

A n o n c u v i n p l e j b a l d a ŭ je nia adreso: Vieno 15., Fünfhausgasse 16.

## Auszug aus den Statuten der ASLE.

§ 1. Der Verein führt den Namen "Bund Sozialistischer Esperantisten Österreichs."

§ 2. Die Bestrebungen des Vereines sind gerichtet auf die Verbreitung und Förderung der Welthilfssprache Esperanto innerhalb der Arbeiter- und Angestelltenschaft, der Gewerkschaften, Kultur- und Sportorganisationen, die der Sozialistischen Partei Österreichs angehören oder ihr nahe stehen, und will den praktischen Wert des Esperanto in den Dienst der genannten Organisationen und ihrer internationalen Verbindungen stellen. Weiters Zusammenarbeit mit anderen in- und ausländischen Esperantovereinigungen zum Zwecke der Verbreitung und Förderung des Esperanto.

§ 3. Mittel zur Erreichung des Zweckes : Beratung und praktische Unterstützung aller sozialistischen Organisationen in allen Fragen und Angelegenheiten , die

sich auf Esperanto und dessen Verwendung im internationalen Verkehr beziehen.Herausgabe und Verbreitung von Propagandaschriften und sozialistischen sowie anderen Werken in Esperanto, Vereinsdruckschriften aller Art. - Errichtung von Zweigvereinen und Ortsgruppen in allen Bundesländern.

§ 4. Dem Bund oder den Zweigvereinen können grundsätzlich nur Personen beitreten, welche die Ziele des Bundes (§ 2) anerkennen und nicht einer anderen politischen Partei als der SPÖ und auch nicht einer sonstigen gegnerischen Organisation angehören. Zu Funktionären des Vereines können nur Mitglieder der SPÖ gewählt werden.

Der Verein besteht aus ordentlichen, unterstützenden und Ehrenmitgliedern. Ordentliche Mitglieder sind jene, welche die Beitrittsgebühr und die festgesetzten Mitgliedsbeiträge termingemäß entrichten. Unterstützende Mitglieder sind jene, welche dem Verein einen höheren Jahresbeitrag leisten. Ehrenmitglieder sind Personen , welche sich um die Ziele des Vereines große Verdienste erworben haben. Sie werden hiezu von der Jahreshauptversammlung ernannt. Der Vorstand ist berechtigt, die Aufnahme eines Mitgliedes ohne Angabe von Gründen abzulehnen.

La lan de Majo festis la socialistaj Esperantoj en Vieno ankaŭ ĉi-jare per partopreno en la grandega demonstracio de la Socialista Partio. Malantaŭ ruĝaj flagoj kun verda stelo ili marŝis kaj estis multe aklamataj de la rigardantoj. Ankaŭ la parolinto de la organiza festkomitato per la laŭtparolilo menciis la partoprenon de la Esperantistoj. Krome k-do Haberl kun kelkaj helpantoj zorgis pri distribuado de 5.000 varbcelaj flugfolioj.

(Rim. de la red.: Konforme al la decido de la Estraro de AEF VIII/52,laŭ kiu organizo de AEF, deziranta aperigon de kontribuon, kiu superas la normalan spacon, disponeblan por ĝi, pagu po paĝo S 40.--, ASLE disponigis la E-Centron pri la sumo de S 60.--.)

Eigentümer und Herausgeber: Österr.Esperantistenverband. Verlag: "Tramondo". - Verantwortlicher Redakteur: Hugo Kraus, sämtliche W i e n XV., Fünfhausgasse Nummer 16
Druck:Offset Vervielfältigung,ADRESSEN-SUPPAN Wien IV., Brucknerstr.2, U 41-2-70